WIKIPEDIA

# Muzeo al poloj savintaj judojn


Muzeo al poloj savintaj judojn

**Muzeo al poloj savintaj judojn en Antaŭkarpatio je la nomo de Familio Ulma** (pole *Muzeum Polaków Ratujących Żydów na Podkarpaciu im. Rodziny Ulmów*) estas muzeo en la vilaĝo Markowa (distrikto Łańcucki) konstruata ekde 2013 de la Muzeo – Kastelo en Łańcut. Inaŭgurita la 17-an de marto 2016.

La decidon entreprenis vojevodia parlamento de Ĉekarpata provinco junie 2008. Sur la surfaco de 500 m² oni ekplanis rekonstruon de la domo de la familio Ulma, kreon de ekspoziciejo, lekciejo kaj scienca laborejo. Taksata kosto de la konstruo estas ĉirkaŭ 6,5 mln da zlotoj.

La muzeo memorigos polojn savantaj judojn antaŭ holokaŭsto. Ĝi nomiĝis laŭ la nomo de la familio Ulma (Józef Ulma, lia edzino Wiktoria kaj sesopo da infanoj estis murditaj de germanaj ĝendarmoj la 24-an de marto 1944, kune kun ok judoj, kiujn ili kaŝis.


Mezuzo ĉe la enirejo de la muzeo

En Markowa ses aliaj familioj kaŝis laŭvicajn ĉirkaŭ 20 judojn. 17 el ili travivis ĝis fino de la dua mondmilito.


La monumento en **Markowa** (distrikto Łańcucki) omaĝe al la viktimoj de la germana murdo (Antaŭkarpatio, en Pollando)

## Vidu ankaŭ

- Konsilantaro por Helpo al Judoj
- Pola katolika protesto kontraŭ holokaŭsto de judoj
- Justuloj inter la popoloj